# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 92ª Jaro - Nº 313 - Decembro 2000



## JARCENTOJ KAJ MUZEOJ

BRAZILA
ESPERANTISTO

92-a Jaro - Decembro 2000
N-ro 313 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@esperanto.org.br
Hejmpaĝo: http://www.esperanto.org.br
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica e Editora Altamisa
Eldonkvanto: 2000
Redaktantoj, aranĝoj, maketo:
Symilde Schenk Ledon
Gilbert René Ledon
Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
e-poŝto: ssledon@iconet.com.br
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


# ENHAVO



# KOVRILPAĜO



*JARCENTOJ KAJ MUZEOJ*

**KOVRILPAĜO**
Alzaca Skolo
"Lukto por la Monto de la Amo".
Fragmento de tapeto, komence de la XV-a Jarcento.
Aŭstria Muzeo de Aplikataj Artoj Vieno

## *Dankon al Ĉiuj . . .*

Al ĉiuj, kiujn ni ne citos, sed kiuj kunlaboris por ke nia revuo iom spegulu nian brazilan kulturon. Ni intence ne volis esti nur primovada, ni intence ne miksis nacian lingvon, ni intence spicumis iom per ironio, moko, sarkasmo (almenaŭ G. Ledon.) Kiuj ne ŝatis, senkulpigu nin. Nun, ni opinias, ke estas tempo por la transdono de la torĉo al novaj fortoj. Ni deziras al tiu nova skipo, al novaj redaktoroj plenan sukceson.

*Symilde Schenk Ledon - Gilbert René Ledon.*

# LA KIALO DE LA VIVO

*Fabiano Possebom*

Se ni faras intervjuon pri la vivoceloj de la personoj, kian respondon ni havas?

Mi kredas ke kelkaj el ili estus jenaj:

-mia celo estas ĝui la instinktajn bezonojn;

-havi posedaĵojn, vesti kaj manĝi bone aŭ sukcesi pri amo kaj profesio;

-nur havi konojn kaj plu nenion;

-havi tre multe da mono kaj superregi la aliajn;

-zorgi pri la fizika beleco; klopodi por prokrasti la neevitéblan maljuniĝon;

-vojaĝi tre multe, koni la tutan mondon.

Mi kredas ke tiuj estas la oftaj respondoj de materialisma mondo en kiu ni vivas.

Multaj personoj preterpasas la vivon kaj ili ne vivas vere. Ili nur preterpasas la vivon. Neniam ili haltis por pensi pri la kialo de la vivo, pri la spiritaj temoj kaj rigardadi tiun mirindan naturon kiu ĉirkaŭas nin. Ili trapasas la tutan tempon iluziiĝante, ili serĉas falsajn celojn kiuj kondukas ilin nenien, resume, kiuj alportas al ili nenian spiritan progreson.

Estas personoj kiuj evitas la memdemandon kaj ili ne pensas pri la celoj de la vivo. Mi kredas ke tio estas baza argumento ni devus ĉiam pensi pri tio.

Meti kiel vivocelon posedi nur materiajn posedaĵojn por vivi egoiste alportos al ili, sendube, feliĉon, sed ĝi estas tre relativa! Mi demandas: Ĉu tio valoras la penon? La rezultatoj estas malbonŝancaj, la individuoj pentos amare, estontece, ili rekonos la utilan tempon perditan.

Kiuj estas la korektaj celoj? Kiu estas la korekta vivomaniero? Kiu estas la bona vojo por atingi la feliĉon? Ne estas unu sola respondo. Apartenas al ni pripensi tre multe kaj elekti la bonan vojon, kiu ĝojigas nin plej bone. Sed la simpla saĝo diras ke la korekta vojo estas, sendube, tiu kiu alportas al ni la intelektan kaj spiritan perfektiĝon, kaj ni ne devas malzorgi nian similulon, kontraŭe, ankaŭ helpi lin por lia progreso.

Jen kelkaj celoj kiujn mi konsideras gravaj por fariĝi feliĉaj vere:

-fiksi celojn kaj sekvi ilin sen malfortiĝi, ĉiam dirante "Mi venkos". Se mi deziras determinitan profesion mi devas lukti por konkeri ĝin. Mi devas celi ĉiam kun honesteco, sen damaĝi iun.

-serĉi ĉiam simplan vivon ĉe veraj kaj neinteresemaj amikoj. Ni devas serĉi koheran kaj sinceran vivon.

La usona psikologo Carl Rogers rakontas en lia libro "Est-maniero" pri la personoj kiuj forlasis ĉion por serĉi pli simplan vivon, pli logikan, resume, alternativan vivon. Ankaŭ rolulo Marcos de Souza el libro "Subteraĵoj de la libereco" de Jorge Amado, agas tiamaniere:

-helpi ĉiam, sen atendi rekompencojn.Kiel estas mirinde helpi la aliulon por lia spirita kresko! Kiel estas memkompense vidi la fruktojn de tiu laboro!

Laŭ mi tio estas la sama sento de oraĵisto kiam li atingas la finon de lia verko, kiam li vidas la brilan ŝtonon kaj memoras ke antaŭe estis nur kruda ŝtono. Ĉina proverbo diras jene: "Anstataŭ doni fiŝojn al aliaj, ni devas lernigi ilin fiŝkapti."

Por konkludi, mi kredas ke tio estas tre grava: ni devas fari ĉion eblan por ŝanĝi la almozon je salajro. Mi pensas ke tiuj estas la ĉefaj celoj de la vivo. ✰

## TROMPO

La ebria edzo revenas hejmen kaj decidas, kiel trompi la edzinon: - Mi eniros, sidos kaj legos la libron. La edzino ekvidos kaj opinios, ke mi estas sobra!

Hejme li sidas kaj legas. Lia edzino eniras en la ĉambron kaj demandas

- Kion vi faras?
- Mi legas libron. Ĉu vi ne vidas
- Vi estas ebria! - krias la edzino.

Tuj fermu la valizon kaj enlitiĝu!

# LA ĈELA TELEFONSISTEMO

*Jimes Vasco Milanez*

El la telekomunikadaj antaŭenigoj lastatempe faritaj, unu el tiuj kiuj elstaras estas la invento de pluraj porteblaj komunikaparatoj, precipe la poŝtelefono. Ne nur pro tio, kio ĝi jam estas, sed ankaŭ pro la malfermitaj perspektivoj.

La celo de tiu ĉi artikolo estas analizi la bazajn teknikajn aspektojn de la ĉela sistemo de porteblaj telefonoj, kaj ĝiajn praktikajn konsekvencojn.

### 1 - Ĝeneralaj konceptoj pri Telekomunikado

***Divido de la Frekvenco-spektro***

Unu el la eblaj transsendaj medioj por telekomunikado estas la aerspaco, pere de elektro-magnetaj ondoj. Malsame al signaloj en dratoj, en la aero ĉiuj elektro-magnetaj ondoj miksiĝas; nepras do fari ian distingon inter ili por ke ne okazu interferoj. La rimedo estas la uzado de malsamaj frekvencoj, baza karakterizaĵo de ĉiu perioda ondo. Frekvenco estas tio kio determinas ekzemple koloron de lumo (kiu ankaŭ estas elektro-magneta ondo), estigante bluan, flavan, ruĝan kaj alikolorajn lumojn.

Tiel, du aŭ pliaj telekomunikadaj sistemoj ne povas uzi samloke egalajn ondojn. Uzante malsamajn frekvencojn, ekzistas cirkvitoj kiuj funkcias kiel elektronikaj filtriloj kapablaj por apartigo de la nura dezirata signalo. La tuta spektro de frekvencoj estas do dividita inter multaj servoj: radio-stacioj, televido-stacioj, polica kaj aviada komunikadoj, satelitaj signaloj, poŝtelefonoj, ktp.

***Ordinara Telefonsistemo***

Telefonsistemo estas tutaĵo de la eroj necesaj por estigi komunikadon inter abonantoj de la servo. Oni povas tamen dividi ĝin je tri precipaj grupoj: la abonantoj, la centraloj de komutado kaj la telefonreto (dratoj).

**La tasko de centralo estas, laŭ la ciferklavoj premitaj en telefono de alvokanta abonanto, estigi cirkviton inter alvokanto kaj alvokato, por ke ili povu interparoli. Post la fino de babilado, la centralo malfaras la konek-ton inter ambaŭ abonantoj.**




### 2 - Evoluado de Movtelefonio

La movtelefonio estis elpensita por anstataŭigi, per elektro-magnetaj ondoj, la dratojn kiuj ligas la centralojn al telefonoj de abonantoj. Tiel la aparato ne bezonas resti fikse en iu loko, kaj oni povas porti ĝin ien ajn.

***La Unua Sistemo por Moveblaj Telefonoj*** (La 70-aj jaroj kaj komenco de la 80-aj)

Ankaŭ nomata konvencia sistemo, ĝi estis uzata precipe en veturiloj, pro la grandaj cirkvitoj kaj konsumado de baterio. En tiu ĉi sistemo estis ununura anteno-turo por kovri la tutan areon de la servo (ekzemple tuta urbo).

Ĉar ĉiu poŝtelefono devas uzi siajn proprajn frekvencojn (same al radio- kaj televido-stacioj), kaj ĉar la parto de la frekvenco-spektro disponigita por la sistemo de porteblaj telefonoj estas konstanta, oni konstatas do ke la nombro da uzantoj estas teknike limigita. La nesufiĉeco de la frekvenco-spektro neebligis la populariĝon de la servo kaj, konsekvence, la malaltigon de la kostoj.

### 3 - La Ĉela Sistemo por Porteblaj Telefonoj

Por konstrui aparatojn vere porteblajn, precipe por enmana uzo, nepras ke la postulata signalo-potenco estu malalta, estigante malgrandajn cirkvitojn kaj baterion. La telefono kaj la turo ne povas esti do tiel malproksimaj inter si; tial, uzendas pluraj anteno-turoj. Ankaŭ la problemon pri limigo da uzantoj solvas la ĉela sistemo.

***Koncepto:*** La ĉela telefonsistemo dividas la tutan

servo-areon je pluraj malgrandaj partoj, nomataj "ĉeloj". En ĉiu ĉelo estas uzataj apartaj antenoturo kaj tur-sendilo (tiu ĉi duopo konsistigas bazan signalostacion). La unua rekta avantaĝo estas la pli malpli konstanta unuformeco de la signalo-potenco en la tuta servoareo, la dua, estas la ripetado de la samaj signalo-frekvencoj en multaj ĉeloj sen okazi interferoj, pro la malalta potenco. Tio estas la ŝlosilo por la amasa uzado de porteblaj telefonoj kaj, konsekvence, ĝia populariĝo.

***Ĉelo:*** Ĉelo estas la areo kovrata de la signaloj de unu anteno-turo. La formo kaj grandeco de ĉelo dependas de multaj faktoroj, kiaj montoj, konstruaĵoj, alteco de la turo, potenco de la sendilo, ktp. En urboj, ekzemple, ju pli altaj estas la konstruaĵoj, des pli malgrandaj devas esti la ĉeloj, pro la atenuiĝo de la signaloj. Ĝenerale, ĉeloj estas reprezentataj kiel ses-lateroj.

Kiel jam asertite, la samaj frekvencoj estas uzataj en multaj ĉeloj, sen interferoj; sed ne en apudaj ĉeloj. Ĉar ne eblas bone distingi kie finiĝas unu ĉelo kaj kie komenciĝas alia, okazas kunmiksiĝo inter ili. Kiel rimedo kontraŭ interferoj en tiuj komunaj areoj, apudaj ĉeloj ne povas do elsendi signalojn je la samaj frekvencoj. Pro tio, ekzistas la tiel nomitaj "ĉelgrupoj".

***Strukturo de Ĉela Movtelefonio***

• **Baza Signalo-stacio**: Estas la ligilo inter la abonantoj kaj la centralo de komutado, pro tio ke ĝi konvertas la elektrajn signalojn al elektro-magnetaj ondoj, kaj reciproke. Ĉiu ĉelo havas sian propran bazan




signalo-stacion. Ĝi konsistas el du eroj: anteno-turo kaj tursendilo.

• **Centralo de Komutado kaj Regado**: Similas al la diĝitaj centraloj de la ordinara telefonio, sed uzas programaron specifan por ĉela sistemo. Ĝi plenumas ankaŭ plurajn kromajn taskojn. Se la nombro da abonantoj estas tre granda, ekzistas kelkaj en la sama urbo.

***Radikanaloj***

Radikanalo estas la dudirekta komuniko-vojo inter unu poŝtelefono kaj la baza signalo-stacio. Uzendas do du apartaj frekvencoj, unu por elsendado de la telefono ĝis la signalo-stacio, kaj alia por la inversa senco.

Ekzistas du specoj de radikanaloj:

**Voĉkanalo**

Ĝi estas uzata kiel komunikovojo dum interparoladoj, tio estas, kiam la abonanto efektive uzas la telefonon. Ekzistas multaj dudirektaj voĉkanaloj en ĉiu ĉelo.

**Rego-kanalo**

Tiu kanalo estas uzata nur dum la starigo de telefonalvokoj, tio estas, por serĉi la abonanton (kiam ĝi estas la alvokato) aŭ por sendo de la klavita telefonnumero al la centralo de komutado, kiam la abonanto alvokas iun. Dum oni ne uzas la poŝtelefonon, ĝi restas kunligata je la rego-kanalo de la ĉelo en kiu ĝi estas. Ĉiu ĉelo havas nur unu dudirektan rego-kanalon.

***Aliaj Konsekvencoj de la Portebleco***

**Ĉelŝanĝo**

La procedo de ĉelŝanĝo okazas kiam la abonanto eliras el unu ĉelo enirante alian, dum la babilado. Por ke la interparolado ne ĉesu, devas okazi do ŝanĝo de la voĉkanaloj, ĉar la poŝtelefono eniras en la areon de alia signalo-stacio. Tiu estas kompleksa tasko, plenumata de la centralo de komutado kaj regado (CKR). En kelkaj teknologioj de poŝtelefonoj, la ĉelŝanĝo kaŭzas etajn interrompojn dum la interparolado.

Teknologioj de Ĉela Sistemo

Analoga: Ankaŭ nomata unua generacio de poŝtelefonoj.

• Frekvenca modulado (FM) de la voĉsignaloj.
• FDMA=Frekvenco-Divida Multobla Aliro.
• Abrupta ĉelŝanĝo.

Diĝita: Ankaŭ nomata dua generacio de poŝtelefonoj.

Avantaĝoj:

-Pli granda privateco
-Pli imuna al bruo
-La konsumo de baterio estas malpli granda.

Ekzistas du specoj de diĝita poŝtelefono:

TDMA=Tempo-Divida Multobla Aliro

• Plibonigita FDMA (Ĉiu dudirekta

kanalo estas kun-uzata de kelkaj poŝtelefonoj).

• Abrupta ĉelŝanĝo.

KDMA=Kodo-Divida Multobla Aliro
En ĉiu ĉelo ekzistas ununura dudirekta voĉkanalo, komuna por ĉiuj uzantoj. Subtila ĉelŝanĝo, pro la ekzisto de nur egala voĉkanalo en ĉiu ĉelo.
Ĉar ĉiuj uzas la samajn frekvencojn, por distingi la poŝtelefonojn ene de la voĉkanalo estas uzata kompleksa matematika "algoritmo". Ĝi baziĝas je la miksado de identigaj diĝitaj kodoj en la signalojn de la abonantoj.

### 4 - NOVAJ PERSPEKTIVOJ POR MOVTELEFONIO

#### *Interreta Aliro por Poŝtelefono*

La uzado de diĝitaj signaloj, ekde la dua generacio, ebligas pluraj aliajn servojn. Ekzemple, ricevado de tekstoj, simile al porteblaj mesaĝiloj. Sed la plej interesa servo certe estas la interreta aliro. Por ke la sistemo de poŝtelefono funkciu por tiu celo, ekzistas speciala



komunikprotokolo, nomata "WAP" ("Protokolo por Sendrata Aliro").Ankaŭ la abonantoj devas havi specialan poŝtelefonon, kiu komprenu krom la ordinaraj voĉsignaloj tiun protokolon WAP. Tiaj telefonoj enhavas la bezonatan retumileton, kiu ebligas la navigadon tra la hejmpaĝoj specifaj por ili.

Pro internaj karakterizaĵoj, kiuj limigas la rapidecon de la konekto, la servo disponigata per poŝtelefonoj de la dua generacio estas simpla. Ĝi taŭgas precipe por legado de retleteroj kaj novaĵoj. La lanĉota tria generacio de poŝtelefonoj ebligos tamen multe pli rapidan konekton precipe por uzado kun porteblaj komputiloj.

#### *Persatelita Ĉela Sistemo*

Ĉar en la ordinara sistemo ĉiu ĉelo devas havi apartan anteno-turon, en multaj lokoj la poŝtelefonoj ne funkcias, pro obstakloj aŭ neekzisto de turo, Oni elpensis do alian specon de ĉela sistemo, persatelita, tiel ke la telefonoj funkciu ĉie, ie ajn en la tuta terglobo.

Por ĉiu ĉelo estas uzata, anstataŭ turo, satelito de malalta orbito (pli malpli 1000 km for de la tersurfaco). La tuta Tero estas dividita je nur kelkaj dekoj da ĉeloj, ĉiu kun sia satelito.

Ekzistas du ĝeneralaj specoj de persatelita sistemo, ambaŭ diĝitaj.

• **Mallarĝbendaj**
Uzeblas nur kiel portebla telefono
Ekzemploj: GlobalStar, Iridium, Ellipso.

• **Larĝbendaj (ankoraŭ lanĉotaj)**
Ebligos plurajn servojn, inkluzive tre rapida interreta aliro. Ekzemploj: Teledesic, SkyBridge. ✰

## ESPERANTO NOBLAT JR.

Iam, en la okdekaj jaroj mi konis homon, kiu nomiĝis "Esperanto" (antaŭnomo). Mi estis parkumanta mian aŭtomobilon kaj mi perceptis ke iu taksio haltis proksime de mia veturilo. El ĝi eliris la ŝoforo, kiu sin direktis al mi. Estis vintre kaj la loko estis iom malluma. Mi timis, sed la homo tuj trankviligis min, dirante ke li ne volus rabi min. Kaj li tuj demandis al mi: "Ĉu vi nomiĝas Esperanto?" Kaj mi respondis: "Tute ne!!! Mi estas instruisto de Esperanto! Kial vi demandis tion al mi?" Kaj li respondis: "Ĉar mi mem nomiĝas Esperanto Noblat Jr., filo de Esperanto Noblat." Mi demandis: "Ĉu vi estas esperantisto?" Kaj la homo respondis: "Ne! (Fakte li estis simpla homo kaj tutcerte ne interesiĝis pri lernado de lingvoj). "Sed kial vi nomiĝas Esperanto?" Kaj li aldonis "Mia avo elektis tiun nomon por mia patro kaj li ŝatis ĝin kaj ankaŭ nomis min Esperanto. Mi decidis alproksimiĝi de vi, ĉar mi vidis sur la malantaŭa glaco de via aŭtomobilo tiun gluafiŝon ESPERANTO - Lingvo Internacia, kaj pro tio mi pensis ke vi ankaŭ nomiĝis Esperanto." Tia estis la tago kiam mi konis homon, kiu fakte nomiĝis "Esperanto".

(**Aloisio Sartorato**). El "VEKI", 17/09/2000. ✰

## Pli ol recenzo

# La Profeto el Pedras - originala romano en Esperanto de Gersi Alfredo Bays - eldonis FONTO - 2000 - 238 paĝoj - Distribuas BEL - prezo R$22,00.

En tiu lasta B.E. n-ro 313 sub nia redaktado, mi havas tute apartan plezuron paroli pri la neatendita majstra romano de mia amiko Gersi Alfredo Bays. Alfredo estas mia amiko ĉar de du jardekoj li kunlaboris por la korektado, kompostado, eldonado de miaj propraj verkoj kaj aliaj. Alfredo estas la amiko de ni ĉiuj, de la esperantistaro, ĉar li streĉe, formike laboras por nia afero produktante la valoregan beletran revuon "Fonto" kiun ĉiuj esperantistoj de Brazilo devus aboni. Alfredo plie transdonas al ni veran monumenton, kio estas la eldonado de ĝis nun pli ol cento da elstaraj literaturaj verkoj el la tuta mondo sed aparte el Brazilo. Ĉu tio ne estas pli bona ol statua, statika monumento?

De jardeko Alfredo parolis pri tiu "romano" kiu estis en lia "kapo" de longa tempo... do, surpaperigu, enkomputiligu ĝin, mi daŭre diris al li... kaj jen li akuŝis la verkon. Kaj mi prenis la malfacilan taskon paroli pri la naskito sen influo de amikeco, evidente.

Ververe por mi la afero estas facila, ĉar la romano en siaj simplaj rakontoj, leĝera stilo, kongruas al mia persona ŝato. Kion oni atendas de romano se ne tujan komprenon, identigon, konstruan intrigon, plezuron, distron, eventualan amuziĝon? Ĉion, tion oni ĝuas dum la legado de "La Profeto el Pedras". Notinde estas, preterlasante la mallongan, prozan rakonton de Geraldo Mattos, "La Nigra Spartako", ke tiu romano verkita en Esperanto estas la dua originala verko en nia lando, la unua romano estas "Karuseloj..." de mia filino eldonita en 1987.

La frazoj estas mallongaj, klasike konstruitaj, kun malmultaj neologismoj, sen komplikaj vortoj. Estas sufiĉe da humuro, da satiro, eĉ da teruraj mokoj aparte al religiaj tradicioj, al seksaj perversioj por ke de tempo al tempo oni vole ne vole ridu. La verko pentras la vivon de italaj kaj germanaj enmigrintoj en la 30-a jardeko, kun la konataj tradicioj. Ne forestas la politikaj persekutoj al judoj (Profeto estas tre kapabla judo fakte sen religio sed respektema al la aliaj) persekutoj fare de la naziaj verdĉemizuloj, famaj, fanatikaj sigma-integristoj kiuj bedaŭrinde ankoraŭ ekzistas. Alfredo priskribas la tiaman erotikon, kiam oni eĉ ne povis vidi inan genuon aŭ eĉ maleolon sub la ĝisplankaj jupoj... kaco kaj piĉo (peniso kaj vulvo) kio estas tio? Sin demandis la gejunuloj... kia kontrasto de tiuj hipokritaj pudoroj kun la nuntempa absoluta nudeco kiu eĉ eliminis kaj erotikon kaj estetikon! Evidente jam videblis la lesbaj amoradoj kiujn Profeto skopofilie spektis, kaj la orgiaj fikadoj de la pastroj kompreneble, religie, karitate pravigitaj. Sed mi ne rajtas ĉion rakonti, legu mem vi certe ĝuos, ankaŭ la ekzorcadon de knabino Tereza.




Kvankam la verko de Bays estas feliĉe, iu speco de "anti-Fernando de Diego", Alfredo allasas kelkajn neologismojn, kiel "ĉendi" paĝo 59 por ekbruligi, obee al lia amiko Fernando en la glosoj de nur 10 vortoj ne PIV-aj, sed el nia brazila kulturo. Tie vi lernos, ke nia fama orkolora rivera fiŝo estas salmino. Mi nur 3 fojojn konsultis PIV-on kaj lernis novajn vortojn... Ne forgesu, oni ĉiam ion lernas kiam oni legas kaj neniu parkere konas la vortarojn.

Mi iom stumblis fronte al la nekutima formo "gesole" paĝo 12 kaj "boa" paĝo 127 sed jen fundamenteca uzo de niaj prefiksoj ĉar paro povas esti sola, kaj bo povas iĝi adjektivo. Harfenduloj diras, ke post "krom" oni ne povas uzi akuzativon, paĝo 79! Kaj "preseraroj" kiel kutime ĉe FONTO, estas tre maloftaj, ne ĝenaj, mi nur citos 3, paĝo 6, fondo devas esti fundo, paĝo 206, tiem signifas tiom kaj paĝo 216, "senttas" ne povas havi du "tojn"! Pri la eltrovo "Portogaja" mi ridetis.

Eĉ krokodiloj kaj dumvivaj komencantoj nepre devas legi (prefere du fojojn) "La Profeto el Pedras". Mi garantias, ke neniu tion bedaŭros. ✰

Gilbert Ledon

# INTERVJUO KUN ISMAEL GOMES BRAGA

**Originala intervjuo farita de kunredaktoro G.Ledon en marto 1957 por revuo "La Objektivo" kaj ĝis nun ne publikigita.**
**Temo: Religio.**

*1) Ĉu vi kredas je la ekzisto de Dio?*
Ĉiu nomo estas limigo. Eble la nomo Dio tro katenas nian penson je religiaj dogmoj. Mi konstatas, ke la evoluado de ĉio en la naturo obeas difinitajn leĝojn, kaj tiuj leĝoj montras inteligentan planon, celante pli perfektajn formojn; sekve mi kredas je ia ĉiam ekzistanta inteligento, kiu kreas kaj progresigas ĉion en la universo.

*Kia estas lia formo, kaj kiel vi reprezentus lin?*

Nenian formon mi konceptas kaj mi reprezentas lin kiel aron da naturaj leĝoj, el kiujni konas nur tre malgrandan parton, sed rajtas supozi la ekziston de multo plia.

*Kiel vi pruvas la ekziston de Dio?*

La funkciado de horloĝo pruvas al mi la ekziston de inteligentoj, kiuj planis tiun maŝinon kaj la povon, kiu ĝin materiigis por ĝia difinita celo; nu, la ekzisto de la universo, ekde la plej malgranda insekto ĝis la sunsistemoj pruvas al mi la ekziston de la inteligentaj fortoj, kiuj ĉion kreas kaj funkciigas. Uzu la nomon, kiun vi volas, sed la fortoj kaj inteligentoj restas la samaj.

Sed pri persona dio simila al homo mi tute ne kredas.

*2) Laŭ via religio homo estas vivanta estulo supera ol aliaj estuloj aŭ ne? Kial?*
Homo ordinare estas supera ol aliaj estuloj laŭ inteligento. Esceptoj estas maloftaj.
Sed hundo estas supera laŭ la flaro; aglo laŭ flugopovo kaj vidado; abelo kaj formiko laŭ socialisma distribuado de laboro; elefanto laŭ forto. Sekve, mi ne tro multe fieras pri ni homoj.

*3) Ĉu vi kredas je postvivado de la animo aŭ spirito?*
Ne, mi ne "kredas", mi "scias"; kio estas tute alia afero.

*Ĉu vi kredas je reenkarniĝo?*

Jes, sen ia hezito.

*Ĉu vi havas pruvojn, kiuj ili estas?*

La denaskaj talentoj, la morala tendenco, la fortaj intuicioj, kaj, ĉe esceptaj okazoj, klaraj rememoroj pri antaŭaj enkarniĝoj ĉe infanoj.

*4) Kia la bazo de via doktrino? Kiu profetis ĝin?*
La bazo estas la observado de la vivo. Neniu profetis ĝin.

*5) Ĉu vi konas aliajn religiajn doktrinojn?*
Jes, multajn.

*Kiel kaj kial vi akceptis tiun?*
Ĉar nur ĝi ne estas enfermita en neŝanĝeblaj dogmoj; ĝi ŝanĝiĝas kun la progresado de la mondo kaj ankaŭ de ĉiu homo: kio ŝajnis al mi tre bona antaŭ 20 jaroj hodiaŭ jam ne kontentigas min, kaj mi devas ĝin ŝanĝi. Nenio estas neŝanĝebla en la homo, sekve ankaŭ ne en liaj konceptoj. Eĉ miaj moralaj devoj ŝanĝiĝas laŭ mia inteligenta progresado. Cetere la religiaj devoj ne povas esti la samaj por ĉiuj homoj, ĉar ĉiu havas apartan grandon de sento, de kompreno.

*6) Ĉu vi preĝas? Kial?*
Jes, ĉar per preĝo mi kreas modelojn idealajn de universala solidareco de ĉiuj estuloj; mi penas fariĝi parteto de la tuto kaj senti kiel ero de la universala vivo, de Dio. Mi penas per preĝado senti la universalan vivon, la absolutan interdependecon de ĉiuj estuloj.

*7) Ĉu vi havas en via religio simbolojn, ritojn aŭ stimulilojn? Kial? Kia estas ilia celo?*
Ne, ne, ne.

*8) Ĉu religio estas absolute necesa al la homaro? Kial?*
Ne; nur morala idealo estas nepre necesa.

*9) Ĉu vi sincere kaj firme estas konvinkita, ke via religia doktrino enhavas la unikan dian veron? Kial?*
Ne, mi estas tute konvinkita ĝuste pri la kontraŭo, ke mia religio enhavas nur tre malgrandan parton de la dia vero, ĉar la homa inteligento en sia nuna grado de evoluado estas tro malgranda por kapti la veron. Ĉiu homa kompreno estas terure malgranda, tial ni ŝanĝas kun ĉiu tago niajn sciencajn konceptojn. Pri religio estas tute same: nia inteligento kreskas ĉiam en la eterneco, kaj ĉiam kaptos iom pli da vero. La parto, kiun ni nun povas kapti estas hontinde malgranda; sed kiam ni estis en la kavernoj de Neandertal tiu parteto estis ankoraŭ senkompare pli malgranda, sed neniam absoluta. El la dia vero do mia religio prezentas al mi nur tre malgrandan parteton. Pri la ceteraj religioj ankaŭ ili ne povas tre fieri, escepte en frenezulejo.

*10) Ĉu vi firme kredas, ke la religio elektita de vi estas la plej bona solvo por atingi grandan harmonion?*

Ne, en la nuna stato de la homa malsupereco neniu religio aŭ socia formo povos krei grandan homan harmonion. Ĉi tiun harmonion nur povos krei la homa perfektiĝo tra longa progresado. La plej multaj homoj estas duonfrenezaj, infane stultaj, ne komprenas sian propran intereson, tial nenio povas ilin tuj feliĉigi.

*11) Kia estas via opinio pri la ceteraj religioj?*

Ili respondas al apartaj bezonoj de la spiritaj tavoloj, al kiuj ili servas. En ia difinita momento por la difinita homo, ĉiu estas bona, se ĝi inspiras al li amon.

*12) Kia estas la plej grandaj malamikoj de via religio? Kial?*

Ĝi havas nur unu malamikon: la homan nescion; ĉar nur ĝi blindigas la homon.

*13)Laŭ via doktrino, la mondsituacio hodiaŭa en la kampoj politikaj kaj socia entute estas normala? Kial?*

Ne; ĝi estas tute nenormala, ĉar ĝi estas tute maljusta.

*14) Ĉu la ekzisto de armeo estas necesa, normala? Kial?*

Ĝi estas restaĵo de la barbaraj tempoj kaj jam nenormala nek necesa, ĉar ekzistas leĝoj kaj juĝistoj por decidi ĉiujn aferojn naciajn kaj internaciajn; sekve la decidoj per forto jam estas barbaraĵo.

*15) Ĉu ekonomia sistemo bazita sur individua aŭ ŝtata kapitalismo estas normala?*

Ne; ĝi estas nenormala kaj maljusta, ĉar la kapitalo ŝtelita faras la saman laboron de tiu honeste akirita, kaj rabita de la ŝtato ĝi estas terura kruelaĵo. Laboro estus pli taŭga bazo, sed la plej justa estas bezono; ĉiu havu ĉion, kion li bezonas kaj donu al la komunumo ĉion, kion li povos kiel laboro kaj talento.

*16) Ĉu scienco kaj meĥaniko helpas aŭ malhelpas la elvolviĝadon de la homaro? Kial?*

Helpas, ĉar ili akiras ĉion pli rapide, saĝe kaj facile, por liberigi la homon de troa laborado kaj doni al li pli da tempo por studi.

*17) Ĉu via religio favoras, aprobas iun politikan partion? Kial?*

Neniun, ĉar neniu el ili povas esti sufiĉe ideala nun.

*18) Ĉu la kutimoj, la moralo, la leĝoj kunlaboras por plibonigi la socian vivon? Ĉu ili konsentas kun via doktrino? Kial?*

Multaj kutimoj estas barbaraj, multaj leĝoj estas maljustaj, ekzemple leĝoj pri militservado; moralo estas tro elasta vorto; tial mi ne povas respondi. Certe per leĝoj oni povas en iuj limoj trudi principojn de ideala moralo kaj krei pli bonajn kutimojn, sed plej ofte oni ne faras tion nun.

*19) Kion vi pensas pri flugteleroj? De kie ili venas?*

Mi estas preskaŭ konvinkita, el legitaj dokumentoj, ke ili ekzistas, sed de kie ili venas mi tute ne scias. Pri tio ĉi ni atendu pliajn dokumentojn.

*20) Kian celon havas via doktrino kaj kiajn rimedojn ĝi havas por atingi ĝin?*

Klarigi al la homo kio li estas per studado de faktoj naturaj zorge kontrolitaj kaj pli poste montri al li la vojon por progresi pli konscie kaj malpli dolore. Alivorte uzi sciencajn metodojn por atingi la veron pri la senmorteco kaj respondeco de la homa animo. Tiu ekscio estas la plej grava scienca akiro por la homaro, ĉar de ĝi dependas la eltrovo de la veraj interesoj por ĉiu homo.

* * *

Mi ne scias, ĉu mi bone komprenis ĉiun demandon, ĉu mi korekte tradukis viajn pensojn. Ni vivas en mondoj tute malsimilaj, tiel eble mi ne povas kompreni vin nek vi min. ✿



# DETALOJ

**Roberto Carlos & Erasmo Carlos** *Tradukis: Vicente Paulo Werneck*

Ja senutilas eĉ provi
Forgesi min
Dum multe da tempo en via vivo
Mi vivos, in'
Detaloj tiel malgrandaj de ni du
Estas aferoj malfacile forgeseblaj
Kaj ĉiumomente ili ĉesos
Ja videblaj

Se alia multharul'aperos eke
Ĉe via strato
Kaj tio sopirigos vin pri mi,
Senkulpa amato
La brua ronkado de aŭto lia
La tutsenkolora pantalon'
Aŭ io tia
Jen tial senprokraste iros vi
Memori min

Mi scias, ke aliul' estos diranta
Ĉe orelo via
Amvortojn same kiel diris mi
Jen dubo mia
Mi dubas, ke li havu tiom da amor'
Kaj eĉ lingvaĵeraru, kiel mi
Kaj tiumomente iros vi
Memori min



Je nokt', envolviĝante en la silento
De l'ĉambro via
Antaŭ endormiĝi serĉas vi
Fotaĵon mian
Sed en la kadro ne estas mi ridanta vin
Sed vidas vi mian rideton malgraŭ tio
Kaj ĉio tio igos vin
Memori min

Se iu tuŝos vian korpon, kiel mi
Diru nenion
Vi ne per mia nomo voku lin,
Misan personon
Pensante havi amon tiumomente
Senesperite strebas vi ĝis la finfin'
Kaj eĉ tiumomente iros vi
Memori min

Certece tiaj detaloj malaperos
Dum longvojaĝo
De l'tempo aliiganta tutan amon
Je neniaĵo
Sed nenio ankaŭ iĝas plidetal'
Iu granda amo ne tiele mortos, in'
Pro tio, de temp'al tempo iros vi
Memori min

Ja senutilas eĉ provi... ✰

# ĈU BEJO MALAPERIS?

Ho! Finfine nia Brazila Esperantista Junulara Organizo reaperas. Jes, kvazaŭ ĝi estus dikega norda urso, BEJO ne nur vintredormis, sed ankaŭ somere, aŭtune...

Sed nun jam venis printempo, kaj tiom bonodoraj fariĝis la kampoj ke la urso estis vekata pro la nazo. Kaj pruvo de tiu ekflorado aperis dum la ŝtata renkontiĝo kiu okazis en Ararakuara, la 14-an kaj 15-an de oktobro, kiam BEJO okazigis kunvenon al kiu trideko da homoj venis.

Al ĉiuj tiuj homoj, kiuj venis el diversaj aliaj ŝtatoj krom Sankta Paŭlo, ni sincere dankas pro la intereso kaj bonvolo helpi nian organizon. Kaj al vi ĉiuj, kiuj legas tiun ĉi raporton ni vokas kunlabori.

Ni optimisme rigardas la urson nun - iom pli konvinkita pri la beleco de la kampoj, de la suno ekstere - elirante la kavernon; sed, ni tamen certas pri la laboro daŭrigota, por ke nia kara urso iĝu pli kaj pli vigla, movema, lerta dum la venontaj sezonoj, ĝis ĝi eĉ forgesu tiun pigrecan vintran dormadon.

**Isacir Andreoni**
BEJO-Prezidanto
<iandreoni@hotmail.com>

# VOLONTULO EN EŬROPO

*Isacir Andreoni*

Fine de aprilo mi alvenis al Nederlando, kaj en Hago mi restis dum unu semajno, kiel volontulo ĉe la Internacia Esperanto-Instituto. Krom la ŝanco alkutimiĝi al ne tiom amikema vetero, jen la ebleco scii iom pri tiu Instituto, kaj ĝia ĉiutaga funkciado. Post tiu semajno, mi iris al Roterdamo, por respondi al la plej oficiala, ni diru, celo de mia vojaĝo: volontuli ĉe la Centra Oficejo de UEA. Dum tri monatoj ĉiutage interrilati kun la oficistoj de tiu asocio; ekkoni ĝian funkciadon; kaj, ĉu dum kafopaŭzo, ĉu dum TEJO kunveno, koni la veran situacion de Esperanto. Kvankam ne ekzistas strukturita programo por volontuloj (celoj kaj manieroj ilin atingi), ni, volontuloj, per ni mem elturniĝas. Des pli kiam temas pri tiom scivolema homo kiel mi. Kaj tiu "elturniĝo" signifas nenion pli ol demandi, observi; observi kaj demandi. Tion mi faris diligente.

Fine de julio, mi forveturis al Israelo, por ĉeesti la 85-an Universalan Kongreson de Esperanto, kiu por mi estis la unua. Deĵori ĉe la Amerika Budo vendante amerikaĵojn, sed ĉefe varbante kaj por la 5-ª Amerika Kongreso en Meksiko, kaj por la 87-ª UK kiu okazos en Brazilo, iĝi Cshe-instruisto oficiale, post A-Seminario gvidita de Atílio ORELLANA ROJAS; ĉeesti kelkajn kun-sidojn kaj prelegojn, de kiuj mi, se ne pli informita, certe pli realisma eliris. Tion mi faris dum tiu semajno. Sed, plej



Ĉe la pordo de UEA.

reliefinda ol ĉio tio estis la homaj kontaktoj: babili kun iu armeno en la koridoro; aŭskulti opiniojn de iu franco pri instruado de Esperanto; demandi ion alian al germanino; umi tra la urbo kune kun homoj el la plej diversaj kaj malproksimaj landoj de la mondo parolante nur unu lingvon kiu ne estas unua oficiala lingvo de iu ajn el ni. Kaj mi diras ke tio pli gravas ol ĉio alia, ĉar nur tiel ni sentas la efikecon de Esperanto. Ĉefe kiam temas pri homoj en kies landoj oni uzas nur unu lingvon, kiel ĉe ni en Brazilo. Pro tio, ne nur indas, sed vere necesas instigi tiun volontuladon (kaj ĉe UEA, kaj dum la diversaj Esperantaj aranĝoj tra la mondo). Nur tiel oni povas senti ke tiu lingvo lernita de ni, tiom bone funkcias. Kaj, samtempe, faligi tiujn tiom da mitoj koncerne ĉu al la lingvo Esperanto mem, ĉu al ĝiaj uzantoj, ĉu al ĝia movado. Por ke ni, por Esperanto kaj nome de Esperanto, plej sukcese aktivu en niaj landoj, regionoj aŭ eĉ kontinentoj, ni unue devas scii pri la realo de Esperanto en la mondo. Kaj tio enhavas la funkciadon de diversaj organizoj (ĉefe de UEA), la homojn mem kiuj uzas, aŭ nur aprobas tiun lingvon; kaj aliajn aferojn tiajn. Se tio ja estis la celo de tiuj kiuj ebligis mian vojaĝon kaj restadon en Eŭropo, mi certas ke mi pozitive respondis al ĝi.

Post la Kongreso, mi iris al Britio pro la 40-ª Somerlernejo en la Kolegio Wedgewood - urbo Barlaston -, kie, dum unu semajno, mi instruis Esperanton. Estis nemezurebla la kontenteco pli kaj pli percepti la bonajn rezultojn de mia laboro kiel instruisto, kaj pli ol tio, estis gratulita kaj de la ĉefa organizanto de tiu tradicia kurso, S-ro Paul Gubbins, kaj de la lernantoj mem. Sekve al tio, mi veturis al Francio, por fari B-Seminarion, kiu okazis en Sete dum Esperanto-staĝo.

Kaj jen mi, tuj post tiu semajno ĉe la Mediteraneo, apud alia maro, nome la Nigra. Jes, Bulgario min ricevis okaze de TEJO-Seminario, dum kiu mi ne nur instruis al internacia lernantaro, sed multon aldonis al mia daŭriganta lernado pri Esperanto, ĝis strukturo kaj funkciado en la balkanaj landoj, en Eŭropo ĝenerale, kaj, de tio ĉio, la neevitebla komparo kun nia latin-amerika realo.

Nun, kiam ni atingas la finon, mi konfesas (kaj pro tio pardonpetas) la senenhavecon de tiu ĉi raporto. Sed, male al la nediligenteco, rilate al tiu alia difekto, oni povas fari nenion. Eĉ se mi verkus tutan libron, aŭ dum tagoj post tagoj babilus, mi neniam sukcesus bildigi ĉion de mi spertita. Neniam estus al mi ebla traduki tiom da diversaj ridoj kiujn mi vidis kaj sentis; voĉojn kiujn mi aŭdis; frazojn al mi diritaj; opiniojn kaj manierojn koncepti la homon, la vivon, la lingvon...

Tiel, la nediligenta raportanto; senĉese ŝanĝanta vojaĝanto; kaj nun, tromemfida verkisto fiaskinta,


Ĉe la maro en Tel-Avivo

kiel kompenso pro via pacienco, al vi lasas parton de la rezulto de la tuta vojaĝo: kvankam foje malamikeco, antaŭjuĝo, netolereco, kaj diversaj aliaj bedaŭrindaj homaj devojigoj, jen, kore por vi, afableco, amikeco, preteco helpi... Jen ridantaj homoj, interne porĉiam florantaj. Jen, do, la parto de ĉio kion mi spertis, nome de kiu oni devas persisti, estu kiel nederlandaj, japanaj, aŭstraliaj, sud-afrikaj, brazilaj (...) floroj plibeligantaj la mondon. ✰

# ESPERANTO:L'estonto de la lingvoj

Instrui la francan lingvon kaj Esperanton en ĉina universitato

Instituto pri Fremdaj Lingvoj de la Universitato de SHANDONG (Ĉinio), serĉas franclingvan instruiston por instruado de la franca lingvo al ĉinaj studentoj dum unu aŭ du semestroj (12ª de februaro 2001 ĝis la 15ª de julio 2001 kaj (se tion li/ŝi deziras) de la 1ª de septembro 2001 ĝis la mezo de januaro 2002. Kapabla esperantisto ankaŭ havos la okazon instrui Esperanton. ✰

# BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2001

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA denove invitas partoprenantojn. La rezultojn oni anoncos en la 86ª UK en Zagrebo. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj: Poezio: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj. Prozo:Maksimuma longo 200 x 65 tajpospacoj. Tri premioj. Teatraĵo: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj. Eseo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK, "Kulturo de dialogo - Dialogo inter kulturoj". Proksimuma longo 10 tajpitaj paĝoj (ĉ. 400 x 65 tajpospacoj). Premio "Luigi Minnaja" kaj du aliaj premioj. Kanto: Teksto kaj melodio povas esti de malsamaj aŭtoroj. Premio "Na-Song-san" kaj du aliaj premioj. Vidbendo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. ĉe Eseo) Daŭro: 15 ĝis 90 minutoj. Sistemo VHS/PAL. Tri premioj. Infanlibro de la Jaro: originala aŭ tradukita libro (alia ol lernolibro), presforme aperinta en la jaro 2000. Unu premio. Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekzempleroj; por la infanlibra branĉo en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 2001. Por vidbendo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1ª de julio 2001. Ĉion oni sendu al : Belartaj Konkursoj de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. La konkursaĵoj (krom vidbendoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. ✰

# LEGITIMA DEFENDO

*Osvaldo Pires de Holanda*

Inter la postulatoj de la Puna Juro, unu el la plej gravaj estas tiu de la legitima defendo. Tial ĝi troviĝas enmetita en la leĝaro de ĉiuj civilizitaj popoloj. Kaj la plej kleraj kaj famaj juristoj konsideras valida kaj legitima la reagon kontraŭ iu ajn ofendanto.

Ihering, ekzemple, asertas ke, la legitima defendo estas instinkta fakto, natura leĝo. La danĝero determinas ĝin; la neceso ĝin pravigas, kaj la pozitiva leĝo ne povas malagnoski ĝin kiel netranscendeblan rajton de la individuo.

La Pozitiva Skolo konsideras ke, la legitima defendo estas laŭleĝa ekzerco de la rajto. Efektive, kiu pro maljusta agresemo estas metita en rigora neceso de defendo, ne elmontras danĝeran karakteron, tial ĝi ne meritas punon, sed kontraŭe, aplaŭdon, ĉar la efika reago certe malpermesos la agon de estontaj eventualaj krimuloj.

Tiun ĉi sintenon oni komprenas, ĉar neniam ni povas akcepti, ke la rajto deflankiĝu de la justico.

Kaj pri la legitima defendo Firmino Whitaker diras la jenon: "La legitima defendo estas instinkto de memkonservo rekonata de ĉiuj kleraj popoloj".

Multaj estas la juraj fundamentoj de la legitima defendo kaj ĉiuj ili baziĝas en la memkonservo de la vivo. Superi sen energia reago maljustan atakon, povas esti eĉ sublima akto de karito, sed la sociala



povo ne rajtas altrudi la devon de la nereago.

Inter ni, kelkfoje, juĝistoj postulas de la akuzitoj de krimo, sintenon kiun oni trovas nur en la legendaj herooj aŭ la sanktuloj. Tamen estas necese, ke ni atentu pri la fakto, kiel ĝi okazis kaj taksi la individuon laŭ la kondiĉoj de la socia medio kie li vivas, kaj la reciproka situacio de la ĉefroluloj. Sed la legitima defendo ne estas ĵusa sociala konkero, sed kontraŭe, ĝi estas rezulto de malrapida progreso de la civilizacio.

Eĉ dum la Romania Imperio, la fama oratoro Kikero, per sia famega parolo "Pro Milone", proklamas ke, la agoj praktikataj en legitima defendo estas fundamentaj agoj de la natura leĝo. Tiamaniere tra la eraoj, bazita en la sperto kaj saĝeco de la jarcentoj, venkante ĉiujn barojn, ĝi fariĝis normo kiu reprezentas necesan kondi-ĉon al la ekzistado de la homa socio. La vivo en socio do, estas natura kondiĉo de la homo kiu, nur per la kunvivado kun la similuloj povas renkonti la necesajn kondiĉojn por vivi kaj elvolviĝi. Tamen, la sociala kunvivado estas neebla sen la limigo diktita de la imperio de la juraj leĝoj kiuj difinas kaj protektas la rajton de ĉiu kontraŭ eblaj atencoj de aliaj membroj de la kolektivo. Sen la juro estas neebla la sociala ordo kaj la kunekzistado de la individuoj, fundamenta bazo de la homa kunvivado. ✰

# DEZIRAS KORESPONDI

DIVERSAJ TEMOJ: Mi deziras korespondi kun geamikoj el la tuta mondo por interŝanĝi diversajn temojn ĉiutagajn: aferoj, tekniko, revuoj, fotoj, ktp. Mia adreso estas: Reynaldo Rodríguez Varela, Libertad, 684 e/Lines y Goss. Stos Suarez. Havana,CUBA.

ĈIUJ TEMOJ: En nia asocio multaj esperantistoj volas korespondi kun esperantistoj de diversaj landoj pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝo de poŝtmarkoj, poŝtkartoj, esperantaĵoj, moneroj, ktp.. Adreso: TEA-P. O . Box 3. Tangshan HeBei. 063000 ĈINIO.

HOBIOJ: 18-jara studentino de pedagogia universitato de historia fakultato, kromlaboras kiel modelistino. La hobioj estas modo, historio, vojaĝoj, muziko, dancoj. Kolektas bildkartojn, modmagazinojn, kalendarojn kaj monerojn. Adreso: Lena Miheeva. ul. Matrosova 12 "A"-47,Krasnojars, 660012. Siberio, RUSIO. ✰

# Plibonigoj en la "RAPIDA KURSO": kial kaj kiel?

*Sylla Chaves*

En septembro, en BRAZILA ESPERANTISTO, mi priskribis la plibonigojn en la BAZA KURSO DE ESPERANTO, uzata en-klase, per radio, per korespondado kaj memlerne. La novaj kasedoj (kun "skriptoj") jam estas akireblaj en BEL, Societo Lorenz kaj aliaj libroservoj. La matricoj por KD jam estas pretaj, kaj la KD (kun sama enhavo de la kasedoj) estos akireblaj en la proksima jaro.

Nun estas renovigata mia Rapida Kurso. Ĝi naskiĝis antaŭ multaj jaroj en du formoj: kolekto "Kantu kaj Lernu" (6-leciona), kaj afiŝo-disko-kurso "Kio estas Esperanto?" (uzata 4-lecione). Ambaŭ estis plurfoje prezentataj en multaj urboj, dum kongresoj kaj en semajnfinoj. Antaŭ nelonge, tiu materialo estis uzata kiel bazo por la "Gutoj de Esperanto" prezentataj televide, interne de programo de LAR FABIANO DE CRISTO.

Oni ofte demandis al mi, kial tiu plureco de metodoj kaj lernilaroj, per kiuj ŝajne mi konkurencas kun mi mem. Pro tio, mi ne nur priskribos la novaĵojn en la Rapida Kurso, sed ankaŭ la kialojn de tiu kurso kaj ĝiajn ĉefajn similojn kaj diferencojn rilate al la Baza Kurso (priskribita en la septembra numero de B.E.)

**Komunaj trajtoj**
**Niaj lernilaroj karakteriziĝas per:**

1. Profesie desegnataj bildoj kaj profesie registrataj kantoj, kun la samaj vortoj de la tekstoj, por faciligi ilian memorigon.
2. Prioritato por la ofte uzataj vortoj kun speciala emfazo en derivaĵoj kaj kunmetaĵoj (kiuj estas la ĉefa riĉaĵo de E-o). Ĉar la Esperantaj-portugalaj vortaroj estas tre malriĉaj tiurilate, nia nova DICIONÁRIO DO PRINCIPIANTE estas bona komplemento por tiuj lernilaroj.
3. Emfazo en la FORMADO DE FLUAJ LEGANTOJ (kaj aŭskultantoj). Tiucele, la lernanto devas rapide lerni la plej uzatajn vortelementojn kaj iliajn kombinojn per derivaĵo, kaj tuj poste lerni ankaŭ kiel eble plej multe da aliaj vortoj (laŭ ordo de ofteco), anstataŭ kontentiĝi kun malgranda vortprovizo, kiu nur permesas interparoli pri banalaĵoj.
4. Niaj lernolibroj celas ne nur la en-klasajn lernantojn, sed ankaŭ iun ajn HAZARDAN ALVENANTON, kiu ilin akiras. Tiucele, tiuj libroj estas allogaj kaj permesas memlernadon (kondiĉe, ke la hazarda alvenanto estu sufiĉe klera kaj interesita por doni al Esperanto iom da studo).

**Specialaj trajtoj de la Rapida Kurso**

La lernado de la baza gramatiko de Esperanto estis tre rapida, sed sufiĉa por flua legado. Ĝi konsistas ne nur el la famaj 16 reguloj (utilaj nur propagandcele). Sed ankaŭ el la EKZERCARO, kiu klarigas la dubojn, al kiuj kondukas la 16 reguloj.

La minimumo, kiun brazilano bezonas por bone kompreni nian lingvon, estas prezentata en la unuaj dek ĉapitroj de ESPERANTO NUM RELANCE, kun la gramatika parto de la Rapida Kurso (en 44 paĝoj). La legaĵoj (kiuj antaŭe estis en la afiŝo-disko-kurso) havis kelkajn aldonetojn kaj aperas nun en la unua parto de la libro RAPIDA VOJO (11 paĝoj).

RAPIDECO estas la ĉefa trajto por distingo inter la RAPIDA kaj la BAZA KURSO. La lernolibro de la BK (CURSO BÁSICO DE ESPERANTO) havas 20 lecionojn, prezentatajn en 112 paĝoj aŭ 20-oble 15 minutoj per radio aŭ kasedo. La RAPIDA KURSO ĉiam bezonis malpli ol duono de tiu tempo kaj teksto.

La dua granda diferenco estas, ke la Baza Kurso, kiel la plejmulto el la E-kursoj celas samtempe legadon kaj interparolon, dum la Rapida Kurso koncentriĝas en la instruo de legado (kaj aŭskultado). Interparolo estas lasata por dua fazo.

La konstato, kiu puŝis min en tiun direkton, estis, ke la lernado por lego de VERA Esperanto (t.e. de zamenhofeca Esperanto, kun ŝpara uzo de neologismoj kaj abundo da derivaĵoj) estas multege pli facila ol iu ajn nacia lingvo (inkluzivante la hispanan). Kaj, kontraŭe, la lernado por paroli Esperanton estas ne nur relative malfacila, sed eĉ (por ni brazilanoj) PLI MALFACILA ol la hispana (kiu nun fariĝas la ĉefa "fremda" lingvo lernata en Brazilo). Aserti publike ke

"Bonan tagon, kiel vi fartas?" estas pli facila ol "Buenos días, como está Usted?", se ne mensoga aŭ stulta, estas almenaŭ naiva aserto. Instruante Esperanton por legado, ni ne nur asertas, ke post kelkaj tagoj Esperanto fariĝas multe PLI FACILA ol la hispana, sed ni ankaŭ pruvas tion.

Post lernado de la baza gramatiko de Esperanto kaj plimalpli 2000 taŭgaj radikoj, oni legas multe pli bone Esperanton ol la hispanan post la sama tempo da lernado. Kaj, kontraŭe, post rekta-metoda kurso de Esperanto kun malpli ol 500 radikoj, la lernanto ankoraŭ multe pli facile komprenus hispanlingvan paroladon ol Esperantan (eĉ sen eklerno de nia najbara lingvo). Ni ne plu mensogu! Ni pruvu niajn asertojn per adekvataj instru-metodoj!

**La novaj plibonigoj en la Rapida Kurso**

La 4-hora rapida kurso havis la jenan lernilaron: la afiŝo-kurso "Kio Estas Esperanto?", la vinil-disko aŭ kasedo, afiŝalbumo kun 40 afiŝoj por prononc-kaj gramatik-klarigoj, kaj aldona materialo por eventuala disdono.

La nova materialo por tiu kurso estas: komenco de la libro ESPERANTO NUM RELANCE (1998), komenco de la libro RAPIDA VOJO (1999), kasedo




RAPIDA VOJO (ĵus farita), 40 koloraj projekciaĵoj (ĵus faritaj, por anstataŭi la afiŝ-albumon. KD baldaŭ estos preta por anstataŭi la kasedon.

La nova kurso estos pli longa ol la antaŭa. Post la fino de la baza lernado (kerna R.K.) sekvos kuna legado kun traduko. Tiam la lernantoj havos pliajn legaĵojn (interalie LA JUNA VERKISTO) kaj la DICIONÁRIO DO PRINCIPIANTE. La daŭro de tiu sekvo dependos de la intereso de la loka grupo kaj de la disponebla tempo de la instruisto. La unua provo de tiu kurso en sia nova vesto okazos en Rio, en januaro 2001. Aliaj sekvos, laŭ la petoj, ne nur portugale, sed ankaŭ hispane. Tiucele, A. Aragon jam komencis traduki kaj adapti la nacilingvan parton de la lernilaro. La provo eble okazos en Paragvajo aŭ Gvatemalo, kie jam estas intereso.

Post tiu unua prov-periodo de la nova fazo de tiu RAPIDA KURSO, mi estos je la dispono de la interesatoj por formi instruistojn. Neniu pago estos necesa krom vojaĝbileto kaj restad-kostoj. ✩

# EL LA LETERKESTO

-"Karaj, mi ricevis la ĉi-suban mesaĝon kaj ĝi estas ege interesa propono por ke ni kalkulu ankaŭ je infanoj dum nia Amerika Kongreso en Meksiko. Mi petas, ke se vi mem instruas al infanoj aŭ konas klason, kie la instruado de E-o okazas, bv. kontakti Lorraine baldaŭ. Amike Atílio O .Rojas.":

*"Estimataj samideanoj, luj el vi konas ke mi estras kaj instruas lernantojn. Pri tio, mi bezonas vian helpon ĉar mi klopodas trovi alian klason, 1-e en alia lando; 2-e kiu lernas paroli esperanton; 3-e kiu volas/povas iri al la 5-ª Tut-Amerika Kongreso de E-ª en Meksikurbo 15-21/04/2001; 4-e; kies nasklingvo ne estas angla; 5-e eble kiu ankaŭ lernas anglan lingvon. Se mi povas trovi tian klason, al Meksikurbo mi kondukos miajn 12 lernantojn, aĝajn 11-14 jaroj. Tie ni renkontos samaĝanojn, kiuj ankaŭ volas uzi la lingvon de mondcivitanoj. Eble poste aŭ antaŭ la kongreso, ni parolos nur hispanlingve daŭre dum kelkaj tagoj (miaj lernantoj ankaŭ lernas tiun) kaj ni parolos nur anglan lingvon dum kelkaj aliaj tagoj. Tiamaniere, ĉiuj povus sperti la senton de memfida flueco kaj ankaŭ la senton de bloka malflueco; sekve de la sperto esperebla ni havos pli da simpatia komprenado por fremdlingvanoj kaj pli da estimo por la esperanta lingvo. Ĉiuj lernus pri kulturo de la aliaj. Bonvolu, ĉu vi instruas aŭ ĉu vi povas instrui klason en centra aŭ suda Ameriko? Ĉu vi konas iun, kiu povas instrui klason tie? Mi entuziasmas por komenci tiun projekton baldaŭ, tiel ĉiuj havos sufiĉan tempon por plani kaj lerni... Kontaktu min per respondo al tio, e-poŝte aŭ per telefono, tage (usono centra tempo): 281-589-7246, aŭ poŝte: Dr. Lorrraine Bouchard, Rinard School. 13922 Old Katy Rd. Houston TX 77079-1012. Dankon por via helpo, Lorraine Bouchard.* ✩

*Werner Schad*

## KIAM STULTECO FURORAS

Antaŭ nelonge mi legis interesan konstaton de vjetnamia altrangulo. Li opiniis, ke unu el la plej gravaj faktoroj de la tiea ekonomia mizero devenas de senklereco de multaj tre altrangaj registoj. Ties konoj laŭdire ofte ne transpasas nivelon de elementa lernejo. Do ili ne kapablas kompreni bazajn faktorojn de ekonomia disvolviĝo. La konsekvenco de tia situacio signifas malriĉecon kaj mizeron por milionoj da senkulpuloj. Certe, ke en multaj landoj io simila (aŭ eĉ pli terura) okazas.
En la ĵurnalo *Argentinisches Tageblatt*, de 24ª de septembro 1988, aperis artikolo subskribita "Demokratio kun analfabetoj ne funkcias". Sube oni mencias la argentinan militistaran puĉon kontraŭ la iama demokratia registaro de Illia, antaŭ pli ol dudek jaroj. Tiutempe en la centra oficejo de la prezidanto pli ol triono de la funkciuloj ne estis sukcesintaj fini elementan edukadon. La ĉefulo de la financoj en la "Rozkolora Domo", restadejo de la prezidanto, formiĝis en elementa lernejo nur dum tri jaroj...
Sendube nesciado kaj neklereco estas ofte kaŭzoj de mizero, de brutalaĵoj kaj de milito. Tre verŝajne la mensa kvalito kaj scia amplekso de la teroristoj, kiuj nuntempe semas suferojn en multaj mondpartoj, estas tre malaltaj.
El ĉio ĉi ni povas konkludi, ke intensa instruo kaj klerigo gravegas por malmilitigi la homaron kaj por antaŭenigi konstruan agon de la registaroj. Tamen, kontraŭe al tia evidenta fakto, la instruado en multaj mondpartoj ege malaltiĝis en la lastaj jardekoj. Mirigas la senhelpa sinteno de registaroj fronte al tiu problemo. Ofte ili timas pro plimultigo de elspezoj. Fakte ne temas pri elspezado de pli da mono, sed pri "elspezi" pli da sincera klopodado.
Urĝas ja unue la sincera intenco pliefikigi la instruadon; due, la subtenado kaj stimulado de efikaj, bonintencaj instruistoj (kiuj ne oftegas); trie, la lokigo de tiasence taŭgaj personoj en poziciojn, kie ili povos sperte plibonigi la ĝeneralan edukan nivelon.
Supozeble neniu dubas, ke junulo post ses aŭ sep jaroj en elementa lernejo devus scipovi skribi kaj legi ĝuste. (En multaj mondpartoj tio ne realiĝas.) Tiu lerninto ankaŭ devus regi la bazajn kalkulmetodojn kaj akiri utilajn konojn pri sia vivo kaj ties medio.
En la mezlernejo gravas, krome de la tradiciaj fakoj, speciale bona instruo pri la historio. Sen klara kompreno de la eraroj en la estinteco oni ne povas plibonigi la estontecon. Lingvoj ebligas la aliron al la kompreno de aliaj popoloj kaj al ties spertoj kaj akiraĵoj. Certe baldaŭ, post venko de la homa inerteco, la konoj kaj spertoj de ĉiuj nacioj estos alireblaj al la tutmonda gejunularo danke al la enkonduko de unu internacia lingvo. Por atingi tion, ni bezonas laboreman kaj scivoleman gejunularon. Sed tio fariĝos nur pere de efika edukado.

## IZOLEMA NACIISMO

La kapablo adaptiĝi al novaj cirkonstancoj signas inteligen-




tecon. Kontraŭe, la tendenco izoliĝi kaj sin defendi sen esti atakata aŭ atakota, devenas de neŭroza timemo. La unua mondmilito (kaj ne nur tiu) komencis precipe pro popoloj, aŭ pli precize pro ties registaroj, kiuj timis esti atakotaj.
Ĉiuj homoj de simpluloj ĝis kleruloj kaj altranguloj estas daŭre obstaklitaj en sia agado pro ne sufiĉa informiteco. Ju malpli oni scias pri aliuloj des pli facile oni miskomprenas ilin kaj konsekvence misagas. Instruo, legado kaj lernado pri aliaj popoloj kaj ties historio, moroj kaj pensoj estas efika agado por superi danĝeran, anakronisman izolemon. Tiamaniere, kaj eble nur tiel, oni povas forigi stultajn antaŭjuĝojn kaj sammaniere forigi toleremon.
Kiom da naciaj minoritatoj luktas hodiaŭ en la plej malproksimaj mondpartoj kontraŭ naciaj plimultoj, kiuj ilin vole-nevole inkludis en siaj landlimoj. Tia inkludo ofte produktas grandajn reciprokajn avantaĝojn; kelkfoje ankaŭ la ekvilibro ne estas bona. Estas natura, kvankam ne-justa, tendenco, ke la plifortulo profitas de aliulo. Sammaniere, homa plimulto ofte tendencas regi naciajn minoritatojn. Rezisto de tiuj lastaj tiucele estas komprenebla. Se raciaj kaj prudentaj homoj havas prioritaton

en la menciitaj grupoj, rezultos korektiĝo de la ekscesoj. Alimaniere la sentaj strečoj plue intensiĝos. La suferoj, kiuj fariĝas per tiaj luktoj, ofte superas ege la konfliktindaĵojn, enkondukante naciisman izoliĝemon. Sed tiu lasta jam estas anakronismo en la nuntempo. Ĉar tiel kiel en la pasinta jarcento la novaj transportiloj kaj komunikiloj helpis la evoluon de grandaj ŝtatformaĵoj, ties nuna plibonigo antaŭenigas la alproksimiĝon de la diferencaj nacioj kaj ties popoloj.
Kun respektemo kaj interkomprenemo do ni devus superi la limigojn, kiujn malvasta naciismo kaj miopa izolemo altrudas.

**IMAGO**

Ĝi ofte potencas pli ol reala situacio. Kiom da islamanoj kaj kristanoj jam mortis pro ĉieloj, kiuj, se ili estus veraj, necese ekskludus unu la alian. Do ni devas konkludi, ke unu aŭ la alia aŭ ambaŭ ne ekzistas. Multnombraj estas la religiaj kredaĵoj, kiuj tre klare neas la ekzisteblecon de aliaj. Krome videblas multaj realaj fenomenoj, kiuj kontraŭdiras malrealajn, imagaĵojn. Kiom da bonaj homoj jam mortis frue kiel viktimoj de fantaziaj estontaĵoj kaj netrafeblaj celoj!
Ankaŭ milionoj da politikaj fanatikuloj kaj da iliaj ankoraŭ pli kompatindaj viktimoj forlasis tro frue la vivon kaj siajn familianojn pro neraciaj konceptaĵoj.
Malgraŭ la mortigaj ekscesoj de la homa imago ne pretervidendas la belega pompo dissemata per ĝi en la homa vivo. Tre verŝajne la plezuroj donacataj per la imago estas pli riĉaj, pli sublimaj ol la suferoj kaj detruaj deflankiĝoj. Sed la ŝatado de tia beleco kaj riĉigo ne obstaklu nian klopodon malhelpi la minacajn agojn, pro kies efikoj milionoj da senkulpaj viktimoj suferas senĉese sur nia tero.
Por fari tion, la plej efika rimedo estas informi per taŭga metodo obsedatajn fanatikulojn. Montri al ili aliajn vidpunktojn, aliajn perspektivojn, eblecojn de paca kunvivado, ofte ne estas facila tasko. - Kial? Ĉar la homoj ne ŝatas perdi posedaĵojn. Nu, ideoj kaj konceptaĵoj estas konsiderataj tre ofte kiel io, kion la posedanto volas nek perdi nek ŝanĝi. La inerteco defendiĝas per antaŭjuĝoj. Tiuj ofte estas pli povaj ol sana prudento kaj pacamo. Tamen tiuj, kiuj amas la homaron, devas klopodi forŝiri ĝin de pereiga imagopovo. ✰

# PLEDO

En la oktobra numero de la revuo "El Popola Ĉinio" estas anonco pri la ĉesigo de ĝia eldonado en la ĝisnuna papera formo. Estonte la revuo aperos nur en la elektronika reto, kie ĝi estos senpage rigardebla. Ĉar dum 50 jaroj EPĈ fariĝis tre konata kaj ŝatata inter esperantistoj, estas petata al




ĉiuj abonantoj kaj ŝatantoj de tiu revuo, ke ili bonvolu skribi al la ĉina ambasadejo en sia lando por esprimi sian bedaŭron kaj sian deziron plu ricevi la revuon ankaŭ en la nuna formo. La letero estu pozitive vortumita, tio estas: ĝi emfazu la altan kvaliton de la revuo, ĝian utilecon por ekkoni Ĉinujon kaj ĉinajn problemojn kaj la ĝeneralan ŝaton de ĝi fare de la legantoj, ktp. Fine de la letero oni esprimu la deziron, ke la kompetenta registara instanco repripensu la decidon kaj ebligu pluan aperon de la papera versio. Dezirindas ke tiuj kiuj havas la eblecon, regule mem legu kaj diskonigu al aliaj la retan version de EPĈ ĉe www.china.org.cn por montri ankaŭ tiel la popularecon de la revuo inter esperantistoj. ✰

## OSIEK-PREMIO 2000



krokizo de Mégumi Sachs-Komamura

En '00 la OSIEK-anoj proponis 18 verkaĵojn premiindajn: ĉiuj estis prezentitaj en la junia numero de *La Gazeto*. La 21an de julio, dum la IEK en Motovun, Kroatio, sekreta voĉdonado atribuis la premion al

**Trevor STEELE**

pro originala verko:

*Falantaj muroj*

Gratulon!

La premio, 400 eŭr., rekompencas vivantan aŭtoron pro publikigita verkajo ne fikcia aŭ pro grava traduklaboro.

informoj: *La Gazeto*, 55210 Creuë kaj http://osiek.org

# BR-EVENTOJ

**En Jaro 2001**:
- Regiona Renkontiĝo de Esperanto, en Descalvados, SP:14/01/2001(Centro Cultura Esperantista de Ribeirão Preto, SP).
- 43ª Sudparaibvala E-Renkontiĝo, en São José dos Campos, SP: 18/02/01 (konfirmota).
- 44ª Sudparaibvala E-Renkontiĝo, en Resende, RJ: 26/05/01 (konfirmota).
- 37ª Brazila Kongreso de Esperanto, en Brasília, DF: 15-20/07/01.
- 14ª E-Renkontiĝo de Urbo San-Paŭlo, unua semestro de 2001 (dato konfirmota).
- 23ª E-Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo, en Barra Bonita, SP: 13-14/10/01.

**En 19/11/2000:**
- 42ª Sudparaibvala E-Renkontiĝo, en Barra Mansa, RJ. Prelego "La Nova Leĝo - La Lernejo" (Euclydes Geraldis de Carvalho), Skeĉoj, Artprezentado, Movado. 48 ĉeestantoj.
- Jarfina Festo de Grupo de Esperanto Espera Stelo, Barra Bonita, SP.

**En 02/12/2000:**
- 5-ª E-Renkontiĝo de Pernambuco, organizita de asocioj, kluboj kaj grupoj de E-º en la Ŝtato Pernambuco. Temo: "Esperanto kaj la Jaro 2000".



En 14-15/10/2000 okaze de la 22ª Esperanto-Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo, Araraquara, pli ol 150 esperantistoj, invadis la urbon, kaj via kunredaktanto G. Ledon, honore akceptis la premion de oficiala ĉasisto de krokodiloj.




En Curitiba librejo Guerreiro Guerreiro (duobla militanto) havis la kuraĝon eksponi Esperanto-verkojn en lia librejo - De live S-ro Gert Drucker, Prez. de PEA - Gloria L. Perine, S-ro Joaquim C. Guerreiro kaj Ak. Prof. Geraldo Mattos.

# KURSOJ

KULTURA CENTRO ESPERANTISTA
De Ribeirão Preto, SP
Jaro 2001: Intensa, Kurso Baza 1 (por komencantoj), 08/01/2000-09/02/2001.De lundo ĝis vendredo.19h-21h. R$50,00. Etendiga, Kurso Baza 1 (por komencantoj),19/03/2000-29/06/2000. Dufoje semajne.19h-21h. R$50,00. Kurso Baza 2 (kiu faris Kurson Bazan 1) 01/03/2001-29/06/2001. 19h-21h. Dufoje semajne. R$40,00. Meza kaj Supera kursoj per kombinota horaro, respektive R$40,00 kaj R$60,00. Konversacia Grupo (por kiu jam finis Kursojn Bazajn 1 kaj 2). Minimume unu fojon semajne. 20h-21.30h.Monate R$10,00. Speciala Kurso por Profesiuloj de la Areo de Sano (por komencantoj). Periodo: 15/03/2001-30/06/2001. Unu fojon semajne. 19h-21h por komencantoj. R$60,00. Kurso speciala por infanoj, 06/03/2001-23/06/2001, unu fojon semajne R$40,00. 2-ª semestro: Etendiga Kurso, ekde 07/08/2001. Ekde oktobro: 4-ª Semajno Esperantista de Ribeirão Preto, Kurso de Prof.-ro Atílio O . Rojas.

## RAKONTO PRI SUKCESO KAJ DANKO

AGADO ESPERO - PROJEKTO 6-A
Kongaj esperantistoj instruas angolajn rifuĝintojn.
Eble kelkaj el vi memoras pri la projekto laŭ kiu: "La Esperanto-Klubo Stelaro, malgraŭ ĉiuj propraj malfacilaĵoj en Kongolando decidis helpi homojn kiuj estas en ankoraŭ pli malbona situacio. Temas pri rifuĝintoj el Angolo, kiuj vivas en tendaro en Kilueka, apud Lukala. La projekto estas: instrui Esperanton al la Angolanoj kaj samtempe instrui al ili skribadon kaj legadon." Jeremie Ngoma Kikondolo nun informas ke la projekto estas sukcesanta danke al la libraj donacoj ricevitaj de pluraj esperantistoj. Li aparte deziras danki la jenajn:
Brazila Esperanto-Ligo (aparte elstara libro-donaco), Associação Mundo Espiritista, Roberto Fausto da Silva, Internacia Esperanto-Instituto, Pluraj anonimaj brazilaj esperantistoj, Luisa Madella (Italujo), Bornemouth Esperanto (Britujo). Jeremie emfazas ke ili bezonas lernolibrojn de Esperanto en la portugala kaj en la franca kaj ne monon. Adreso: Jeremie Ngoma Kikondolo. B.P.7598. Kinshasa I. Demokratia Respubliko Kongo. Sed se vi volas mone helpi, prefere sendu al la fondaĵo Afriko de UEA kun la indiko: Por la projekto "Kongolandanoj helpas Angolanojn". Tiu mono iros al la landa asocio DKEA kiu ĝin disponigos laŭeble efike. La adreson de UEA kaj la manierojn de pagado vi trovos en la Jarlibro de UEA. Hans Bakker. Katelenstraat, 231-II. NL-1082 EG Amsterdam. ✫

## KONKURSO: "KIEL MI VIDAS MIAN LANDON"

Konkurso de Belarto por Infanoj kaj Junuloj kun temo: "Kiel mi vidas mian landon". Meksika E-Federacio invitas ĉiujn infanojn kaj gejunulojn (Esperantistoj kaj gefiloj de Esperantistoj), partopreni la konkurson pri desegnado kaj pentrado, okaze de la 5ª TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO, realigota en Meksikurbo de la 15ª ĝis la 21ª de Aprilo, 2001. La interesitoj povas partopreni per desegnaĵo aŭ pentraĵo laŭ iu ajn tekniko, ne tridimensia, en mezuro maksimume 40x55 cm, en unu el la tri sekvaj kategorioj:a) 4 ĝis 9 jaruloj; b) 10 ĝis 14 jaruloj; c)15 ĝis 18-jaruloj.
Dorse de la verko devas esti klare notitaj la sekvaj informoj: kompleta nomo de la aŭtoro, adreso, naskiĝdato, titolo kaj tekniko. La konkursaĵojn oni sendu volvitaj, ne falditaj, al la sekva adreso:
MEKSIKA ESPERANTO-FEDERACIO, Relaciones Exteriores, N° 24. Colonia Federal.MX-15700 Mexico,D.F. MEKSIKIO. Ili estos akceptataj ĝis la 5ª de Marto 2001. Estos aljuĝitaj po unu premio al ĉiu el la tri kategorioj a, b kaj c; tiu premio konsistos el meksika artaĵo. Cetere, estos aljuĝitaj du premioj "Honora mencio" en ĉiu kategorio. Ĉiu konkursaĵo ricevita fariĝos parto de la kolekto de MEF. Ni esperas kalkuli je via entuziasma partopreno! Pliaj informoj pri la Kongreso kaj ĝia bunta kultura programo ĉe http://www.punto-y-aparte.com/esperanto aŭ http://www.geocities.com/espameriko ✫

**TUTAMERIKAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO-TAKE**
En 1926 Urugvajo organizis Sudamerikan E-Kongreson, en 1978 Brazilo efektivigis la unuan TAKE, poste Argentino en 1980, sekvata de Kostariko en 1996 kaj Kolombio en 1999.. En 2001 la 5-ª TAKE efektiviĝos en Meksiko. Temo: "Ameriko: unu Kontinento, diversaj historioj". Dato: 15-21/04/2001. Adreso: Meksika Esperanto-Federacio, Apartado Postal 10576,. C.P. 06000 Mexico D.F. Meksiko. ✫

## PRI AVARULO

Avara vilaĝano iris en Amerikon.
Ĉe la elŝipiĝo li vidis, ke du skafandristoj emerĝas el la maro marŝante kaj la vilaĝano tre surprizita plendas al la ŝipestro:
- Vi devintus averti min, ke oni povas alveni piede, kaj certe mi ne elspezus monon por la vojaĝo.

# ANONCETOJ

**TRADUKLABORO**

Antaŭ du monatoj mi pu-blikigis komputilprogramon por instrui E-on (http://www.cursodeesperanto.com.br/eo.html).Dum tiu mallonga periodo ĝin elŝutis pli ol 1000 retanoj, plejparte neesperantistoj, kio ates-tas la interesiĝon de la ĝenerala publiko pri E-° Fama brazila elŝuta ttt-ejo Lemon Collections (www.lemon.com.br) plej alte taksis la "Kurso-"n, konsiderante ĝin unu el la plej bonaj programoj disponeblaj en la reto. Jam estas versioj en la lingvoj portugala kaj esperanta, kaj survojas versioj en la dana kaj hispana. Nun mi serĉas tradukontojn al aliaj naciaj lingvoj. Por tio mi disponigas programon kiu multe faciligos la traduklaboron (ne pli ol 20 horoj estos bezonataj!). La tradukon oni faros rekte el la esperantlingva versio, do oni tute ne bezonas scipovi la portugalan aŭ programadan lingvon. Tiu traduko senpage disponeblos en la interreto, kaj la tradukinto-nomo aperos en la sekcio "kreditoj"de la programo. Se vi interesiĝas ĝin traduki, bv. kontakti min: karlo@cursodeesperanto.com.br Mi petas al vi diskonigi ĉi tiun peton inter viaj samlingvanoj. ✫

# INTERNACIE

**oktobro/novembro/decembro-2000**

13-15/10/2000: 87-ª Japana E-Kongreso

14/10/2000: Patagonia E-Renkontiĝo, en la hoteleto "Los Notros", Bariloche

04-05/11/2000: 11-ª Kongreso de UkrEA, Kievo, Ukrainio.

10-12/11/2000: KAEST 2000, Kolokvo "Aplikoj de E-o en scienco kaj tekniko,Prago, Ĉeĥio.

08-10/12/2000: Faulhaber Semajnfino, Elspeet, Nederlando.Temo: "Revoj kaj idealoj por la 21-ª Jarcento".

# TAGA KRONIKO

***Maria Rosa de Angelis***

Iam estis rava ĝardeno de Mo Izo.

Mo, knabino, revis pri sia ĝardeno. Mo, fraŭlino, pri sia ĝardeno revis.

Mo, plenkreskulino, komprenis, ke ŝia revo estas preskaŭ ne plenumebla.

Ŝi havis nek barakon, nek grundon sur kiu ŝi povus planti. Hodiaŭ ŝi sentas feliĉon! Ŝi estas kvindekjara kaj havas belan, ĉarman ĝardenon. Mo Izo, servistino, loĝanta en Bo Ho, kaj ĉi tie komenciĝas la rakonto.

S-ino Mo Izo modifas la mondon de la floroj kaj de la poezio, kreante alian liliputan mondon. Ni vidu:

Begonioj kun larĝaj folioj, kaktoj kaj frondaj arboj estas iĝantaj ludetoj, ĉar ili estas plantitaj sur botelkovrileto, fingroringo kaj aliaj mikraj objektoj. Jen estas folioj, supermanaj kaktoj, kiuj normale estas unu metro altaj, ŝi



reduktiĝas al alumetuja grando. La tuta ĝardeno de Mo Izo entenas en vitra peco, ĝia realigo postulis multan paciencon kaj laboron. Kia procedo? Simpla: kapablo de ĝardeneco, ĉar ŝi ŝatas botanikon kaj alfabeton. Ĉu vi ŝatis la rakonton?

Ĝi certe memorigas nin pri la grando kaj malgrandaĵoj, kiujn Dio al ni oferas, kaj ĉiam turnitaj internen, ni ne ilin vidas. Dio, kiu dum la nokto, kreskigas la plantetojn, poste nian nutraĵon, kiu nin vivigas. Kia beleco, tamen, Dio estas tiom forgesita de ni ĉar ni estas turnitaj internen. Kriu kaj kreu ravan ĝardenon kaj el malgrandaĵoj ni faru grandan vivon! ✫

# AEK - Astronomia Esperanto - Klubo

## Karaj amikoj!

Se vi profesie laboras pri Astronomio aŭ Astrofiziko, se vi estas astronomo-amatoro aŭ simpla maldormulo kiu decidis iom pli multe ekscii pri nia Universo - ni kreis lokon en Interreto ĝuste por Vi! Ni kore Vin atendas tie kaj bonvenigas!
Kiu ni estas? Ni estas anoj de Astronomia Esperanto-Klubo (AEK). Nia teamo konsistas el doktoroj de sciencoj, studentoj aŭ simplaj interesiĝantoj pri Astronomio. Ne gravas kie Vi laboras kaj kiun postenon Vi havas. En nia klubo regas demokratio. Ni ĉiuj havas unu solan pasion: la esploron de Universo; volas scii pli multe pri ĝi, pri ĝiaj leĝoj, procezoj kaj mirakloj. Se tio plaĉas al Vi venu kaj ĝuu nian etoson.
Por nia klubo ni elektis modernan kaj rapidan komunikrimedon: la Interreton. Niaj paĝoj estu loko kie Vi trovos ĉion laŭ Via gusto. Informu nur Vian guston!
Multaj sciencistoj nun prave konsideras anglan lingvon kiel lingvo de scienco. Por esti en kurso de novaĵoj, por popularigi siajn rezultojn, viziti internaciajn konferencojn necesas kompreni kaj paroli angle. Ĉu tiel daŭros? Ni ne scias, sed kredas ke povus almenaŭ iom ŝanĝi la situacion - uzi nian lingvon, Esperanto, por scienco. Ĉu tio ne estos pli demokratie?
Do, Vi trovos sur niaj paĝoj rubrikon pri astronomiaj novaĵoj, sciencajn kaj popularajn artikolojn. Multaj materialoj prepariĝas aŭ jam troviĝas tie, novaj baldaŭ aperos. Ĉiam profesiulon ni invitas sendi materialojn por nia "Profesia angulo". Ni atendas de Vi viajn sciencajn rezultojn, sciencajn artikolojn, eĉ kurtajn abstraktojn.
Se vi estas amatoro. Skribu pri via observado, sendu viajn fotojn de astroj. Ni penos prezenti al Vi vastan areon de amatora agado: meteoroj, kometoj, asteroidoj, variaj steloj k.t.p. Vi ekscios kiel uzante interreton fari astronomian observadon, kiel astronomie ripozi kaj multan alian laŭ Via gusto. Se Vi estas novico en Astronomio, ankaŭ pri Vi ni ne forgesis. Vizitu nian "Helpan angulon". Tie Vi trovos ne nur bezonatajn informojn - kiel starti, sed ankaŭ demandi specialiston pri io rilata al la fako. Tie troviĝos rubriko "Matematiko kaj Astronomio", utilaj astroinformoj por amatoroj ktp.
Se Vi bezonas konsulti iun astronomian terminon, tiam helpos al Vi rubriko "Terminaro". Ni konsideras laboron pri astronomiaj terminoj tre grava kaj deziras Vian helpo en tiu direkto.
Vi povas konsulti niajn paĝojn ĉe la adreso http://members.xoom.com/astro_esp/
Tie vi ankaŭ povos aliĝi al nia klubo. Tamen, se vi ne povas uzi interreton, kie vi estas, skribu al ni, kaj ni pretigos alian rimedon por via partoprenado en la klubo.
Ni estas je via dispono.





**AEK**
**Astronomia Esperanto-Klubo**
**Str.Amazia Há-Melech 20/1**
**IL-77484 Ashdod, Israelo**
**retadreso:astro_esp@xoommail.com**

SE LA MONDO ESTUS VILAĜO...
kun nur 100 homoj, vivus en ĝi
57 azianoj,
21 eŭropanoj,
14 nord kaj sudamerikanoj,
8 afrikanoj,
70 neblankuloj,
70 nekristanoj,
70 analfabetoj,
50 malnutritoj,
80 personoj en mizeraj domoj,
1 persono kun universitata eduko,
50% de la riĉaĵoj restus en la manoj de 6 personoj.
Ĉiuj 6 personoj estus civitanoj de Usono.

El "Kontakto", nº 177 (2000/3)





# VIZITO

*(Raporto de Marta Gutierrez, el Kubo):*

Mi alvenis Brazilon la 7-an de julio kaj revenis Kubon la 25-an de aŭgusto dum tiu tempo mi vojaĝis tra Brazilo pli ol 10.000 kilometrojn dank'al la esperantistoj de Brazilo kaj KEA. Mi prelegis en: Campinas, Ribeirão Preto, Petrópolis, Belo Horizonte, Goiânia, Brasília, Fortaleza, João Pessoa, Salvador, Rio de Janeiro, Curitiba, São Paulo, kiam okazis kvin intervjuoj kaj 16 prelegoj. La 11-an de julio en esperanta karavano mi iris de Ribeirão Preto al Petrópolis, je la 9ª matene de la 12ª de julio. Ni iris rekte al la kongresejo "Lernejo Princino Isabel". Petrópolis estas bela imperiestra antikva urbo. Tie la homoj aliĝis al la kongreso, ricevis mansakon, identigilon kaj la dokumentojn kun la programo, kaj ĉiun informon bezonatan. Mi ne devis pagi kotizon, sed mi ricevis ankaŭ ĉion. Tie mi konis multajn esperantistojn el diversaj ŝtatoj de Brazilo. Ĉeestis la kongreson pli ol 500 esperantistoj el la tuta Brazilo. Nokte en la teatro estis la malfermo de la kongreso , kiu daŭris pli malpli 2 horojn. La 13-an komenciĝis la laborsesioj de la kongreso. Estis 4 salonoj por tio: Salono Zamenhof, Ismael Gomes Braga, Francisco Valdomiro Lorenz, Baggy de Araújo. Dum la 13ª de julio matene en la salono Zamenhof okazis Simpozio pri la centra temo de la kongreso: "Esenco kaj estonteco de la internacia lingvo. Ĉu io aldonenda al la centjara tezo de Zamenhof?" Prelegis Sylla, Ledon kaj Paulo Sérgio Viana. Poste Symilde kunordigis la debatojn, kiuj estis tre interesaj kaj kleraj. La prelegintoj respondis la demandaron de la ĉeestintoj. Post la diskuto de la kongresa temo ĉiu salono ekfunkciis. Krom la simpozio mi ĉeestis la jenon: "Lanĉoj de la lastaj verkoj de Sylla Chaves", "Disdono de premioj al la esperantistoj, kiuj pli da membroj aligis al BEL dum la lasta jaro". Tion faris la prezidanto de BEL, D-ro Holanda. Tiun ĉi premion mi taksas kiel antaŭpuŝo de la movado en Brazilo, ĉar la homoj konkurencas kaj Esperanto estas kiu gajnas. "37ª Nacia Kongreso de BEL", pri kio prelegis Lício Almeida kaj Fabrício, ankaŭ ili prezentis filmon pri Brasília, la kongresejon kaj mirindaĵojn. Ĉiuj esperantistoj ekde tiu momento povis aliĝi al la 37ª BKE. Poste mi prelegis pri "Nuntempa E-Movado en Kubo". La homoj multe interesiĝis pri Kubo. Ankaŭ mi prelegis pri "Mirindaĵoj en Kubo" kaj prezentis filmon. Vespere en la teatro Santa Cecília dum la 13ª, estis arta vespero kun partopreno de esperantistoj el diversaj lokoj de Brazilo. La 14-a en la salono Ismael Gomes Braga mi ĉeestis prelegon de José Lunazzi pri "Koreio kaj Esperanto" kaj "Kiel fartas C.E.C". Poste dum la sama tago mi partoprenis prelegon pri Astrologio de la esperantisto Aloísio Sartorato sub la titolo "Veroj kaj malveroj Pri Astrologio", en la salono Francisco Valdomiro Lorenz. En la sama salono mi ĉeestis prelegon de Ledon pri "Brazila Esperantisto". Dum la vespero en la teatro Santa Cecília ni ĝuis interesan programon, kie la junuloj montris al ni sian arton pere de kantoj kaj dancoj ankaŭ la infanoj, kiuj partoprenis infanan kongreseton regalis nin per belaj kanzonoj. Mi pensas ke ili tre bone pretigas sin por la UK en Fortaleza, ĉar la junulo estas la estonteco de Esperanto kaj ili montris sian kapablon. La 15-a, en la salono Zamenhof mi ĉeestis prelegon de Geraldo Mattos "La du signifoj de la akuzativo"; dum la prelego li klarigis aspektojn pri la temo kaj la homoj multe demandis al li. Post tiu prelego la estraranoj de BEL kunsidis kaj la aliaj homoj estis liberaj; tiam mi promenis tra la urbo Petrópolis kun aliaj brazilaj esperantistoj. Dum tiu ĉi nokto estis balo kun vespermanĝo, kie mi multe dancis kaj babilis. La 16-a matene estis la fermo en la teatro Santa Cecília, kie parolis la Prezidanto de BEL kaj aliaj gravuloj; poste mi foriris de Petrópolis kun la karavano al Belo Horizonte. Dum la kongreso ankaŭ estis ekzamenoj pri diversaj niveloj: baza, meznivela kaj supera, ankaŭ konversacia kurso. Mi taksas la Nacian Brazilan Kongreson tre bonan, ili multe laboris por la sukceso de la evento, ĉiu partoprenanto en la kongreso, tre gaje kaj vigle, senĉese laboris. " ✪

# 37ª BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

15-20 julio, 2001 - Brasília, DF
Temo: **Dialogo Oriento/Okcidento: La rolo de Esperanto**
**Unesco: 2001-**Internacia Jaro de la Dialogo inter la Civilizacioj
**Brazila Esperanto-Ligo** Organizado:Esperanto-Asocio de Brasília,DF
Kunlaborado:Taguatinga Esperanto-Klubo
Apogo: Brazilian Convention & Visitors Bureau

Kategorioj:

| | Prezoj: | | | |
|---|---|---|---|---|
| | Ĝis 31/12/00 | Ĝis 28/02/01 | Ĝis 30/04/01 | Ĝis 30/06/01 |
| 1 - Membro de Ligo | R$ 40,00 | R$ 50,00 | R$ 60,00 | R$ 70,00 |
| 2 - Membro de BEJO | R$ 40,00 | R$ 50,00 | R$ 60,00 | R$ 70,00 |
| 3 - Ne membro de BEL aŭ de BEJO | R$ 80,00 | R$100.00 | R$120,00 | R$140,00 |
| 4 - Familianoj Kat. 1 aŭ 2 (Edzino) (Gefiloj) (Gefratoj) | R$ 20,00 | R$ 25,00 | R$ 30,00 | R$ 35,00 |
| 5 - Familianoj Kat.3 | R$ 40,00 | R$ 50,00 | R$ 60,00 | R$ 70,00 |
| 6 - Infanoj ĝis 12 jaraĝaj,handikapuloj, eksterlandanoj ne loĝantaj en BR | Senpage | | | |
| 7 - Subtenanto | Ekde unu minimuma salajro | | | |

Atentigo: Post 30/06/01 la aliĝo okazos ekde 15/07/01 ĉe la kongresejo: R$150,00 sen rabato.
La aliĝkotizo ne entenas gastadon, bankedon, ekskursojn, ks. Kaj ĝi ne estas repagebla kaj transdonebla.

Seminarioj kaj pagitaj kursoj:
Seminario Didaktika-(Stefan MacGill) .............. (30 lokoj) ................ R$50,00
Seminario A (Atílio O. Rojas) .......................... (30 lokoj) ................ R$50,00
Kurso de Kulturo Muzika (Flávio Fonseca) ....... (30 lokoj) ................ R$50,00
Kurso Baza Cseh (Atílio O. Rojas) .................. (30 lokoj) ................ R$50,00

ENSKRIBIĜOJ: Per ĉeko, nome de LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO
Caixa Postal 3625 - BRASÍLIA, DF
70084-970



Kaj de 40 jaroj la palaco Alvorada estas preta vi mem vizitu ĝin, ĉu ne?

---

## Bonvolu ridi... sed ne tro!

Neatendita reago.-

Certan tagon pluvegis. Mi pensis, ke iu sinjoro iranta antaŭ mi estis mia amiko Petro, kaj mi, tuŝante lian ŝultron diris al li ŝerceme: -Redonu al mi mian pluvombrelon!-

La nekonato sin turnis al mi, donis al mi la pluvombrelon kaj diris:

- Pardonu, sinjoro, mi ne sciis, ke ĝi estas la via! -

## BRAZILA ESPERANTO-LIGO

# DEZIRAS



**Feliĉajn kaj prosperajn**

**Novjaron 2001**

**21-an Jarcenton**

**3-an Jarmilon!**

**"Kaj uzu Esperanton, kiel tiuj du kolombetoj Valeria kaj Reinaldo... La unua ĉelo de la socio estas la Familio... tie la lingvo fluas, vivas... Krokodiloj mortas... estos la fina venko!"**






*La Profeto el Pedras*

de Gersi Alfredo Bays

Romano originale verkita en Esperanto.

240 paĝoj - 14x21
kolora kovrilo, plastumita



BRAZILA ESPERANTISTO
CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446
bel@esperanto.org.br